# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 11/2/2016 Ducentkvindekksesa eldono 11/02/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol **291,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas Propagandila kaj Fontindika Libreto




Mi ĝisdatigis la 'Esperanto Key' (*Poŝa Lernlibro de Esperanto por parolantoj de la angla.)* per la aldono de informo pri Duolingo, kaj metis pli grandajn spacojn inter la paĝoj por helpi la kunigon de la komputilaj paĝoj faratajn per diversaj komputilaj presiloj.

Mi faris ankaŭ kopion de la izolitaj paĝoj (*versio por legi ekrane*). Mi esperas ke ĝi povos esti uzata en 'smart phones' , komputiloj ktp.

Provu, mem juĝu. Informu AE pri via uzo de la libreto.

Esperanto-Domo havas profesie presitajn kopiojn. Uzu ilin por propagando.

Amike, Roger Springer ★★★

Klariga paĝo. *http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo*

La sin kunmetota papera libreto. *http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/esperanto-printable-pocket-textbook-20160205.pdf*

La 32 paĝoj de la ekrana libreto. *http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/esperanto-pocket-textbook-20160205.pdf* ★★★

# Estontaj kompetentaj Esperantistoj



## aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

# 109. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



**La Komo. B.**

Por solvi tiun anglan problemon, la plej bona rimedo estas, krom lerni Esperanton, ĉiam en Esperanto kaj en la angla mense konscii pri la partoj, ĉiuj partoj, de frazo, komencante per la verbo aŭ la predikato, kaj tuj post tio trovi la aganton aktivan aŭ pasivan aŭ medialan, ja en la nominativo sen prepozicio, kaj post tio la eventualan objekton kaj la adjektojn. Tio malfacilas en la angla pro manko de indikilo por la subjekto, sed helpas, ke en la angla la subjekto preskaŭ ĉiam lokas tuj antaŭ la verbo. Oni faru tiun propozicipartigadon kiam legante, kaj ankaŭ kiam parolante. Se ne, oni alkutimiĝas al eraroj en Esperanto, la formoj de kies vortoj preskaŭ ĉiam dependas de ilia funkcio en la frazo. Tio ŝajnas tempo- kaj mensoraba afero, sed necesa, se oni volas paroli Esperanton same ĝuste kiel sian propran lingvon. Ni ja perfektiĝu en Esperanto same kiel ni perfektiĝis en nia lingvo elnaskiĝa. Kaj kiu volas fari erarojn en sia propra lingvo?

Marcel Leereveld.

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato je 13:00

Aferkunveno antaŭe je 11:00. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.



Je la 7a de Februaro venis sep esperantistoj.

Roger kaj Mei Springer, Jano Wylles, Dmitry Lushnikov, Nicole Else, Richard Delmore kaj Volo Gueltling.

## La Adelajda Esperanto-klubo.



La unua ĉi-jara kluba kunveno de adelajdanoj okazis la 3-an de Februaro. Ĝi estis samtempe nia jarkunveno. Oni aŭdis la raporton pri la pasinta jaro kaj diskutis la programerojn por 2016. La plej gravaj lokaj eventoj pasintjare estis la Lingva Festivalo, kiun organizis Sandor Horvath kaj la Vintra kursaro. Bedaŭrinde ni por ĉiam perdis Pat Palmer kaj Beth Wearing, sed aldoniĝis al ni kelkaj entuziasmaj junuloj. Gordon Coleman ankaŭ pasintjare instruis Esperanton al siaj lernantoj en elementa lernejo kaj grupo de ĝis 8 homoj lernis ĉe

ge-Steeloj.



La klubon ankaŭ ĉi-jare estros Trevor Steele kaj Sandor Horvath (refortiĝinta post malsano). La kunvenon partoprenis 11 esperantistoj.

Katja Steele

# La Manlia Esperanto-Klubo.



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton je 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.

Je la 6a de Februaro venis 4 esperantistoj. Roger, Eunice, John, kaj Chris.

★★★ Christine Holliss raportas

Ni havis ĝuindan renkontiĝon lastan sabaton pro la emocia deklamado (parkere) de Eunice, kiu tre ŝatas poemon verkitan de William Auld



*La pasinteco ne ekzistas*
*sed tamen ofte en la nuno*
*mi spiras pensojn de l'autuno kaj*
*pro la printempo tristas*

*Se nur, se nur*
*ja ne valoras sopiri kiu jam ne eblas*
*stultul' bedaŭras kaj funebras pasintajn pekojn kaj eraroјn*
*ĉar nur la hodiaŭo realas*

*Okulojn miajn larmvualas*
*kaj arĝentiĝas miaj haroj*

Ŝi ege miras pri ĝia strukturo ĉar ,el tio, montriĝas la beleco de la gramatika sistemo de Esperanto.

# Demokratia Respubliko Kongolando



Estimata amiko Bobo, (Bob Felby) Pri Aŭstraliaj Esperantistoj 255

Mi tre ĝojas , espereble nia peto estis en via Novaĵletero. Espereble , ke venos pozitiva respondo baldaŭ. Mi esperas , ke estos Infano de Dio, kiu komprenos nian situacion kaj decidos helpi nin.

Dankon pro via grava helpo, Amike, Mana Brinson.
mana.esperanto.brinson@gmail.com

# Helen el Adelajdo vizitis Sidnejon

Mi, adelajdanino (Helen) (Helen el Adelajdo) kaj mia nevino kanberanino (Sarah) ĝuis du tagojn mez-februare en la granda urbo Sidnejo. Kompreneble ni dormis en la mondfama Esperanto-Domo!

Estas vere mirinda ŝanco resti tie senpage en la centro de la urbo KAJ nur cent metrojn for de la stacidomo. Dankon al la Sidneja-grupo pro tio. Bedaŭrinde ni nur renkontiĝis Ian kiu laboris en la oficejo kiam ni atingis la domon. Li bonvenigis nin (kaj memoris kie ni jam renkontis.....ĉe la Adelajda-Somera-kursaro en Januaro 2005. Ii diris al mi -kompreneble- ke estis lia plej ŝatata somerkursaro ĝis nun! (Kia diplomato!)

Sarah kaj mi havis la planon renkonti kelkajn aliajn sidnejajn esperantistojn sed meztage dum ilia dimanĉa kunveno ni estis tro for de la E-Domo.

Ni bone uzis la pubkilan transportan sistemon, speciale Dimanĉon kiam ni vojaĝis dum la tuta tago kontraŭ nur $2.50 inkluzive "harbour cruise" (krozado ĉirkaŭ la haveno) per multaj pramŝipoj! Ni vizitis du famajn plaĝojn Manlion kaj Bondi (imagu: mia nevino neniam estis tie!).

Dum nia restado okazis ankaŭ la ĉinaj novjarfestoj. Ni vidis praktike ĉiujn simbolojn. Jen ...estas bildoj de kelkaj.

Nun ni trajnas al Kanbero, kie mi iomete helpis mian patron.

Ĝis la revido amikoj

Helen Palmer kaj komencanto Sarah.




*Simioj*



*Koko*

***(tiu jaro estas Jaro de la Simio!)***



*Tai chi kuniklo*



*Kaj mian -la rato*



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?



Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)

# La Ŝlosilo por Dulingvismo.




### Poŝa Lernlibro de Esperanto por parolantoj de la angla

*Lerta metodo por studentoj kunmeti kaj posedi utilan libreton*

**Instrukcioj por presado** ***<u>Vi provu kunmeti la paĝojn!</u>***

Presu kvar paĝojn, DUFLANKE (t.e. 2 x A4-paperoj). (Unuflanka presado funkcios, sed rezultos en blankaj paĝoj.) Uzu opcion 'Aŭtomate adaptu por paĝo', aŭ ekvivalentan.

1.Paĝoj 25 kaj 26 devus esti ĉe la sama angulo ĉe la unua papero. Paĝoj 27 kaj 28 devus esti ĉe la sama angulo ĉe la dua papero.
2.Kunmetu la paperojn por ke paĝoj 25, 26, 27 kaj 28 (kun la ruĝaj markoj) estu ĉe la sama angulo kaj en ordo.
3.Tranĉe malgrandigu la du paperojn tra la linio apud paĝoj 32 kaj 17.
4.Faldu la kombinitajn paperojn, mallonga rando al mallonga rando, por ke la strikodo estu videbla.
5.Fortkunigu la faldojn kaj per tranĉilo apartigu la faldojn. Ne disigu la paperojn.
6.Tenu la kunmetaĵon por ke la strikodo alfrontu vin.
7.Faldu la kunmetitajn paperojn, mallonga rando al mallonga rando, por ke la strikodo estu ankoraŭ videbla.
8.Fortkunigu la faldojn kaj per tranĉilo apartigu la faldojn. Ne disigu la paperojn.
9.Tenu la kunmetaĵon por ke la strikodo alfrontu vin.
10.Krampu la libreton ĉe la du verdaj krampmarkoj.
11.Faldu la kunmetitajn paperojn por ke la krampoj estu sur la spino.
12.(Tranĉe plimalgrandigu la libreton, se vi volas.)



## Pri 3ZZZ radio



Se vi volas scii pri la juna Esperanto-grupo en Filipinoj, aŭskultu la elsendon de la 8a de Februaro 2016.
Ĝojan aŭskultadon deziras al vi

Franciska Toubale